# Esperanto en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

**N-ro 77**
Bulteno de KAEM
Novembro 2012

-----------------------------------------------------------------

## Dank-vortoj el Vjetnamio

Karaj legantoj,

Ni elkore dankas ĉiujn kunlaborantojn, partoprenantojn de la 97-a Universala Kongreso de Esperanto okazinta en Hanojo, Vjetnamio, de la 28-a de julio ĝis la 4-a de aŭgusto 2012. UK-97 estis okazo por VEA esprimi sian dankemon al UEA kaj al la esperantistoj el diversaj landoj, kiuj subtenis/as nin tra la pasintaj jaroj. Vi kontribuis multe por la sukceso de la kongreso! Pro tio Esperanto-movado en Vjetnamio pliviglîĝas. Sinceran dankemon!

LKK de la 97-a UK: Phuong Mai <goldenprocom@gmail.com>

## Fermita kunsido de KAEM dum la UK

la 31-a de Julio, 14:00-15:30

Malgraŭ la fermita kunsido ĉeestis pli ol 20, inkluzive de 4 KAEM-anoj (Ĉinio, Mongolio, Vjetnamio kaj Japanio) kaj de 3 anstataŭantoj (Israelo, Koreio, Nepalo). Unue komentis pri la "Jarlibro de KAEM" s-ro Hori, la honora prezidanto. Nepalano faris la esencan demandon pri la projekto C "Membriĝo al UEA",

koncernante kvalifikon de petskribantoj, ĉu nur aktivuloj rajtas sendi peton aŭ ankaŭ komencantoj povas turni sin kun peto? Se petanto mem sendas petskribon rekte al KAEM, nur la individuo estas respondeca por la peto. Tamen tio estas tre delikata temo en tiu kazo, se landa asocio faras la nomliston de petantoj. La landa asocio devas juĝi pri aktiveco de petantoj.

S-ro Amri Wandel klarigis pri la 7-a AK en Israelo okazonta de la 18a ĝis la 22a de aprilo 2013, raportis rilate al ekskursoj antaŭ kaj post la kongreso. Kongresa temo estas "Ekologio kaj paca kunvivado en naturo". Li parolis pri partoprenaj kotizoj en la kongreso (200 eŭroj), la antaŭkongreso (200 eŭroj) kaj la postkongreso (400 eŭroj). Estas demandoj, ĉu eblas diferencigi kotizojn inter landoj A kaj B. Amri respondis, ke oni konsideru la problemon. Rilate al alia demando, ĉu KAEM povos subteni junulojn je vojaĝo al AK, eblas subteni, kompreneble, nur ene de la buĝeto. S-ro Adeel Butt el Pakistano plendas, ke pakistananoj ne povas partopreni en Israela Kongreso pro diplomata bariero.

S-ro Sasaki, kiel prezidanto, raportis procedon de subtenado pere de KAEM dum 2010-2012, kaj prezentis diversajn problemojn en decido de KAEM.

El Malajzio estas dirite, ke la informado pri Malajzio estas maljusta en diversaj revuoj, ekzemple, en Vikipedio, do oni devas korekti erarajn informojn. Sed tion povas fari nur malajziaj esperantistoj.

Estas tre bone, ke Hanojan UK-on partoprenis samideanoj el tiuj landoj, kiuj ĝis nun alvenis malmulte. Estas tre ĝojiga la fakto, ke unu afgano ĉeestis en la UK en Hanojo. Li diris, ke li estas la sola esperantisto en Afganio. Dank' al la Sud-Azia Seminario, laŭopinie de s-ro Bharat Ghimire, estas vekita la komunumo de esperantistoj en la regiono: Nepalo, Pakistano, Afganio, Srilanko k.a. S-ro Adeel Butt raportis, ke en Pakistano vigliĝas nun Esperanto-komunumo.

S-ro Wang Ruixiang raportis pri Esperanta publikigo kaj eldonado en Ĉinio kaj pri la komuna kunsido okazigita kune kun s-ro Chimedtseren Enkhee en Ulanbatoro, Mongolio. Kaj la ĉina

karavano al Israelo estas pretigata de s-ro Wang.

S-ro Hoang Ngoc Boi el Vjetnamio proponis, ke KAEM subvenciu al eldono de libroj nur duonon de la petita sumo, ĉar ĉe la ricevinto de subvencio povas resti profito de la eldono. Li diris, ke Revuo Esperanto devas esti legita ne nur en la papera formo, sed ankaŭ pli multe en la elektronika formo perinterrete. Per tio, laŭ li, oni povas ŝpari monon por buĝeto de "Membriĝo".

S-ro Enkhee el Mongolio parolis pri neceso de rapida voĉdono en diskuto ene de KAEM.

S-ro Osmo Buller de UEA diris, ke nuntempe malmultiĝis donaco al Fondaĵo Azio, kaj rento, do oni devas ŝpari monon por uzi buĝeton, ekzemple, devas maloftigi la publikon de "Esperanto en Azio".

S-ino Heidi Goes el Nederlando diris, ke Indonezianoj ne povis ĉeesti la kunsidon de KAEM, ĉar estas skribite: la kunsido estas "fermita". KAEM-anoj devas serioze konsideri ŝian opinion kaj plibonigi la esprimon de la kunsido de KAEM. (Skribis Sasaki Teruhiro)

## Azia Agado dum la UK

2012-08-03, 13:30-15:30

En la fakkunsido de "Azia Agado" estis prezentitaj la nuna situacio de landaj agadoj, la preteco de la 7-a Azia Kongreso en Israelo kaj la nuntempa aferumado de KAEM.

El Indonezio estas raportita de juna aktivulo la novaĵo pri disvolviĝo de Esperanto-komunumo, ke 13 indonezianoj povis ĉeesti en UK en Hanojo.

S-ro Amri Wandel raportis pri la forpaso de aktivulo Josi Ŝemer, pri nova retpaĝo kaj pri energia agado de s-ro Tsvi Sadan. Estas decidite, ke IJK en la sekva jaro okazos en Israelo.

El Japanio rakontis pri reorganizo de JEI s-ro Suzuki Keiitiro, la nove elektita prezidanto de JEI. Li diris, ke pere de ŝanĝiĝo de

japanlingva nomo, de “Instituto” en “Asocio”, JEI fariĝas pli malferma organizo. Li parolis pri la sukceso de la Japana-Korea komuna kongreso de la lasta jaro kaj pri la sekva Komuna Seminario okazigota en decembro, kaj pri la centjariĝo de japana landa kongreso en la sekva jaro.

El Koreio estas raportite, ke tie okazadas 5 renkontiĝoj en unu jaro, t. e. la landa kongreso kaj kvarsezonaj kunloĝadoj, kaj ke en kelkaj universitatoj lernas gestudentoj Esperanton kiel 2-an aŭ 3-an fremdan lingvon. Do aperas ĉiam junaj lernantoj en Koreio. Atentinda estas la instruado en la Seula Esperanto-Kulturcentro, gvidata de s-ro Lee Jungkee.

El Mongolio estas prezentita la konciza historio de Esperanto en Mongolio de 1920 ĝis nun. Spite malfacilaĵojn en ŝanĝo de sociaj sistemoj, vigliĝas la movado. En septembro estos okazigita la 3-a mongola kongreso. Nun membroj estas ĉirkaŭ 50, inter kiuj estas ĉirkaŭ 20 aktivuloj.

El Nepalo estas prezentita raporto, ke tie la agado estas pli vigla ol en aliaj sudaziaj landoj. Sukcesa estis la Sud-Azia Kongreso inter Pakistano, Barato, Srilanko kaj Nepalo. Daŭras la Himalaja Renkontiĝo, en kiu estas multe da partoprenantoj. Lernas Esperanton ne malmulte da junuloj en universitatoj kaj lernejoj, tamen ili facile malaperas, aŭ foriras eksterlanden por studado aŭ laboro, ekzemple al Aŭstralio kaj al Usono.

El Pakistano raportis s-ro Adeel Butt pri jubilea jaro de Pakistano. Antaŭe la movado tie estis forta. Nun junuloj interesiĝas pri Esperanto kaj lernas Esperanton rete.

El Rusio raportis samideano el Ufa, Baŝkortostano, ke la movado tie estas ne en la plej bona stato, sed en Vladivostoko kaj Ekaterinburgo vigliĝas.

El Vjetnamio, s-ro Boi prezentis, ke tiea Esperanto-Asocio, kiel kongreslando, estas atentata flanke de la ŝtato, kaj ke oni trejnis junajn volontulojn. Kaj la movado havas trajton de junuloj. Forta estas la movado en la grandaj urboj kiel Hochimin kaj Hanojo. Oni havas taskon vigligi regionan agadon en estonteco. Al la Universala

Kongreso unuafoje venis el nekonataj al Esperantujo landoj, kiel Laoso, Kamboĝo, Indonezio, Malajzio, k. a. Tio estas la bona efiko de Hanoja UK, oni devas kunlabori kun najbaraj landoj.

El Ĉinio parolis s-ro Wang (Chielismo) de Xian-Esperanto-Asocio. Li estas prezidanto de Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo (IKEF) kaj vivas per Esperanto 33 jarojn kiel profesia esperantisto kaj dungas 8 oficistojn. Laŭ li nun iomete komplika estas la situacio de ĉina Esperanto-movado, ĉar ĝi estas izolita laŭ la regionoj - suda, centra, norda - kaj kelke da centroj funkcias. Aktivaj estas ILEI kaj IKEF. Pri IKEF ĉiujare okazas jarkongreso. Dennis Keefe, usonano, organizis sukcese seminarion sur Hajnan-insulo. Problemo estas en tio, ke estas facile varbi komencantojn, sed malfacile teni ilin. Do oni semas energie, zorgas pri utiligado kaj aplikado. Rilate al kvanto kaj kvalito, oni intencas sukcesigi agadon per kvalito. Kiel interesa agado indas prezenti la kazon de s-ro Mjaohui, la bonzo, kiu instruas ĉiutage en la monaĥejo. Koncernante la landan kongreson, partoprenas ĉirkaŭ 300, sed ĝi estas iomete fermita kaj mankas eksterlandanoj, ĉar organizantoj ne propagandas pri la nacia kongreso.

Koncerne de la 7-a AK en Israelo (la 18a-22a de aprilo) raportis s-ro Amri Wandel. Helpas pretigon de AK lia konato-ambasadoro kaj altaprotektanto-ministro. La gastejo, situanta en centro de okcidenta Jerusalemo, estas adaptita al kongreso, kaj ankaŭ IJK okazos tie. Estas riĉa programo en la kongreso, antaŭkongreso kaj postkongreso. Ĉiĉerono de la ekskursoj estas s-ro Amri Wandel mem. Temo de kongreso estas: “Ekologio de paca kunvivado en homo, medio kaj naturo”.

S-ro Sasaki, la prezidanto de KAEM, raportis pri diversaj projektoj, plenumataj de KAEM, kaj proponis, ke oni pli aktive turnadu sin al KAEM kun petoj, koncernantaj al projektoj, kvankam la buĝeto estas ege limigita.

Rilate al nesufiĉa funkcio de TTT-ejo, nun okupiĝas korea komisiito, s-ro Nema, je la plibonigo. Multaj ĉeestantoj substrekis la gravecon de retlisto, por ke ĉiuj KAEM-noj povu ricevi necesajn

informojn. S-ino Maritza Gutierrez, estrarano de UEA, plendas pro manko de komunikado kun la prezidanto de KAEM. Je tio s-ro Enkhee el Mongolio konstruas la retliston subite.

Pri Indonezia landa kongreso, kiu estas planata en la sama dato de la 7a AK, eble ŝanĝiĝos, laŭ la opinio de Heidi Goes. Rilate al la 8a AK, kiun volus inviti indonezianoj, s-ino Tatjana Loskutova opinias la tempo iomete frua.

Laste, resumante la UK en Vjetnamio, s-ro Boi diris, ke okaze de la UK aperis entuziasmo de junuloj kaj helpantoj en Vjetnamio. La prezidanto de KAEM petis, ke ĉiu lando, apartenanta al UEA, elektu sian novan komisiiton por KAEM ĝis la sekva Azia Kongreso.

(KAEM-prezidanto Sasaki Teruhiro)

## Novaj Retlistoj de Azia Esperantujo

1. Informa kaj diskutada retlisto pri Esperanto, esperantistoj kaj E-movado en Azio: azio@yahoogroups.com
   Kiu ajn rajtas aliĝi al la listo. Por aliĝi al ĝi oni sendu al la retadreso sian mesaĝon: azio-subscribe@yahoogroups.com
2. Diskuta retlisto de aziaj respondeculoj pri movadaj temoj (prezidantoj, estraranoj, eks-prezidantoj, direktoroj kaj aliaj respondeculoj kaj aktivuloj de landaj asocioj kaj lokaj kluboj ktp rajtas aliĝi): azia-agado@yahoogroups.com
   Por aliĝi al ĝi oni sendu al:
   azia-agado-subscribe@yahoogroup.com
   Diskuta kaj voĉdona retlisto de KAEM (nur KAEM-anoj aliĝas):
   azia-komisiono-de-uea-kaem@yahoogroups.com

Ne nur membroj, sed kiu ajn eblas sendi sian mesaĝon al supre menciitaj du laborlistoj pri movadaj problemoj, ne aliĝinte al la listoj. Via mesaĝo atingos ĉiujn listanojn samtempe!

Viaj aliĝoj kaj komentoj, konsiloj, proponoj kaj kritikoj estas bonvenaj. Chimedtseren Enkhee encho@yahoo.com

# Bonvenon al la 7a Azia Kongreso en Israelo

Amri Wandel, Prezidanto de E-Ligo en Israelo (ELI)
<amri%40huji.ac.il><http://ttt.esperanto.org.il/>

Karaj geamikoj, חברים יקרים (בהמשך עברית)

Ekalvenas aliĝoj al la 7-a Azia Kongreso okazonta en la 18a-22a de aprilo en Jerusalemo: vidu la liston de aliĝintoj
http://www.esperanto.org.il/ak2013kongresanoj.html
Aliĝo estas simpla per la reta aliĝilo en la kongresa retpaĝo
http://www.esperanto.org.il/ak2013.html
(ĝi produktas aŭtomatan retmesaĝon, kiun oni nur devas sendi) aŭ sendu retmesaĝon al ELI. Ĉiuj informoj troviĝas en la dua bulteno
http://www.esperanto.org.il/dosieroj/ak2013dua-bulteno.pdf
Notu ke la unua kotiz-periodo finiĝos jarfine.

## Nepalo

# Vizitu Nepalon okaze de la 10a Himalaja Renkontiĝo

Nepala Esperanto-Asocio ĝojas anonci la 13-tagan Internacian Himalajan Renkontiĝon 2013 por konigi sian landon al alilandaj esperantistoj. Apenaŭ ekzistas iu lando en la mondo, kiu povus rangi samnivele kun Nepalo rilate al natura, etna kaj kultura diverseco. Partoprenante la Renkontiĝon, vi havos ŝancon formi vian propran bildon de la lando kaj samtempe konatiĝi kun lokaj kaj alilokaj esperantistoj, kiuj partoprenos la samajn programerojn. Ni bonvenigas ankaŭ homojn, kiuj volas komenci lerni Esperanton dum la Renkontiĝo.

La programo estas planita por ke ĝi taŭgu al ĉiuj aĝgrupoj. Dum via restado, vi loĝos en bonkvalita hotelo en Katmando kaj en komfortaj gastejoj aŭ tendoj dum la piedvojaĝo. Ĉiuj manĝokostoj kaj aliaj similaj kostoj estas inkluzivitaj en la aliĝkotizo, sed ne asekuro. La kotizo estas kalkulita nur por kovri kostojn, ne por gajni monon. Similaj turismaj servoj kutime kostas pli multe. Multaj niaj

servoj estas faritaj de nepalaj esperantistoj.

Vi pasigos la unuajn kaj lastajn tagojn de la Renkontiĝo en Katmando-valo, kie situas la ĉefurbo de Nepalo. Ĝian riĉan kulturan pasintecon atestas la tieaj historiaj distriktoj kaj monumentoj, notinde tiuj de la plej grandaj urboj, Katmando, Bhaktapuro kaj Patano. Tie vi povos vidi kiel hinduoj kaj budhanoj restas fidelaj al siaj jarcentaj tradicioj malgraŭ multflanka moderniĝo de la valo.

Ĉi-foje vi povos ekkoni la kulturon kaj vivmanieron de homoj en la orienta parto de Nepalo. La ĉefa parto de la Renkontiĝo estos busvojaĝo kaj piedvojaĝo en la regionoj je preskaŭ 600 kilometroj nordoriente kaj oriente de Katmando-valo. Dum la marŝado vi trapasos multajn lokojn plenajn de vidindaĵoj, inkluzive Basantapur, Gufa Pokhari, Sangu, Pativara kaj Ilam. Ĉe la horizonto estos mondfamaj montirceloj de Nepalo, kreantaj majestajn vidojn de Himalajo.

La piedvojo inter Basantapur kaj Gufa Pokhari estas plejparte tra neloĝata rododendro-arbaro. Tiu ĉi loko estas renomata kiel la "rododendro-ĉefurbo". La tereno tie estas kovrita de arbaro kaj punktita de diversaj sovaĝaj floroj, inter aliaj 32 malsamaj specioj da rododendro, la nacia floro de Nepalo. Vi ankaŭ ĝuos vidojn de nigraj simioj, cervoj, moskuloj ktp kaj diversaj specioj (pli ol 250) da montaraj birdoj. Ekde la komenco vi povos observi la vivon kaj kulturon de etnaj popoloj: la Limbu-oj, Rai-oj kaj Tamang-oj. Tiuj ĉi etnoj, oni opinias, devenis de Mongolio kaj Tibeto, kaj ili estas konataj kiel senafektaj kaj honestaj. Plejparte ili estas tradicie terkultivistoj kaj bredistoj. Ili havas distingajn lingvojn, domstilojn, vestojn, ornamojn kaj kutimojn, kaj estas aparte famaj pro siaj ravaj dancoj kaj muziko. La plimulto da ili vivas sur altaj deklivoj sude aŭ okcidente de la riveroj Arun kaj Tambar. La vivo de tiuj montpopoloj estas modesta, ĉar laboro sur la deklivoj estas penega. Ilia religio similas al hinduismo aŭ budhismo, sed nuntempe Limbu-oj kaj Rai-oj preferas nomi ĝin la Kirat-religio.

Nia marŝado komenciĝos de Basantapur, kiu estas je 2.200 metroj super la marnivelo kaj ĉirkaŭita de montoj, lagoj kaj verdaĵoj.

Tin Jure Dada (3.066 m) estas fama loko de la regiono, kaj de tie oni povas ĝui la sunleviĝon kaj sunsubiron funde de bela pejzaĝo. Ni tranoktos en Gufa Pokhari, loko kiu fieras pri lago kaj aliaj vidindaj naturaĵoj.

Pativara estas fama templo de bestoforma diino, adorata kaj de hinduoj kaj de budhanoj. Ĝi situas je 3.794 metroj super la marnivelo. La grandegaj montoj Kanchenjunga kaj Kumbhakarna estas bone videblaj de tie. En la sekva tago ni per buso vojaĝos al Ilam kaj Fikla, kiuj ambaŭ estas famaj pro teoĝardenoj. Post tranokto ni veturos pluen al Itahari, urbo kie loĝas multaj esperantistoj, kiuj gastigos nin en siaj propraj domoj.

**Laŭtaga programo**

- 26a de februaro: Alveno kaj enhoteliĝo
- 27a de februaro: Matena vizito al Bauddha, Paŝupati Nath, kaj
- posttagmeza al Patano
- 28a de februaro: Vizito al Svayambhu kaj la malnova palacokvartalo
- de Katmando; post la tagmanĝo ekveturo per buso al Basantapur
- 1a de marto: Alveno en Basantapur
- 2a de marto: Piedvojaĝo de Basantapur al Gufa Pokhari
- 3a de marto: Piedvojaĝo de Gufa Pokhari al Sangu
- 4a de marto: Piedvojaĝo de Sangu al Suketar
- 5a de marto: Piedvojaĝo de Suketar al Pativara templo kaj la
- ĉirkaŭaĵo; reveno al la tranokta kampo
- 6a de marto: Piedvojaĝo al Taplejung, rondiro tra la ĉirkaŭaĵo
- 7a de marto: Veturado per buso al Ilam kaj Fikal
- 8a de marto: Plua veturado al Itahari
- 9a de marto: Reveno al Katmando per buso
- 10a de marto: Ripoztago kaj Internacia Vespero
- 11a de marto: Forflugo

**La kotizo** estas 700 eŭroj por unu persono por dulita ĉambro. Ĝi inkluzivas manĝojn kaj loĝadon dum la tuta programperiodo.

**Kontaktu :** Nepala Esperanto-Asocio, G.P.O Box: 10518 Kathmandu, Nepal. Telefono: 00977-1-6209877. Retadresoj: <nespa.1990@gmail.com> < luno1962@gmail.com>

## Indonezio

# La unua Indonezia Esperanto-kongreso - aprilo 2013

La unua Indonezia Esperanto-Kongreso okazos de la 5a ĝis la 8a de aprilo 2013 en la kongresejo Wisma Abdi en Bogor (antaŭe: Buitenzorg). La plej grava celo de la kongreso estas kunigi la esperantistojn el la tuta lando por diskuti pri la landa movado kaj krei landan asocion. Krom tio, estos E-kursoj kaj kaze de sufiĉe da interesiĝo ankaŭ ekzamenoj. La indoneziaj esperantistoj esperas bonvenigi ankaŭ eksterlandanojn por iom internaciigi la etoson kaj helpi ĉe la kursoj, ludoj kaj ekzamenoj (anoncu vin, se vi interesiĝas instrui kaj/aŭ ekzameni! Eblas ankaŭ antaŭ kaj post la kongreso instrui en la apudaj urboj, se vi volas). Estos ankaŭ ebleco spekti kaj lerni tradiciajn dancojn, eklerni la indonezian lingvon ktp. Postkongresaj ekskursoj dependos de la interesiĝo montrita pri ili.

Iom pri la kongresurbo kaj -ejo: Bogor situas en la okcidenta parto de la insulo Javo, ne for de la ĉefurbo Ĝakarto. La urbo situas je 300 metroj da alteco, kaj estas ĉirkaŭita de ne plu aktivaj vulkanoj. Super la urbo tre ofte fulmotondras, tial ĝi estas konata kiel Pluvurbo.

La kongresejo havas ĉion necesan: salonojn, manĝejon, dometojn kun ĉambroj de 2-7 personoj, arbojn, herbejon kaj naĝejon! Do ĉio okazos sur la sama tereno. Ne necesas eniri la urbon aŭ perdi tempon per transporto dum la kongreso. La plej proksima internacia flughaveno situas je ĉ. 85 km.

Pliaj informoj pri la kongreso estos aldonitaj laŭ la tempo en ĝia retejo <https://sites.google.com/site/iek2013bogor/>.

Ekde nun ankaŭ la aliĝilo <https://docs.google.com/spreadsheet/viewform?formkey=dEZxVjBuZXllU21vWnNPcXZybFV0SGc6MQ> estas havebla. Sed bonvolu unue legi la informojn en tiu retpaĝo, precipe pri la kotizo <https://sites.google.com/site/iek2013bogor/alighilo>.

Financa subteno por la okazigo de la kongreso bonvenas ĉe la UEA-konto iesa-p. La donacoj estos uzitaj por ke indonezianoj pagu kiel eble plej malaltan kotizon, kaj por helpi tiujn, kiuj venas de aliaj insuloj, pagi siajn vojaĝkostojn.

La Loka Kongres-Komitato kaj Heidi Goes rete atingebla per iek-lkk2013@googlegroups.com

PS: Tiuj, kiuj jam antaŭe vidis anoncon pri la unua Indonezia E-Kongreso, verŝajne rimarkis, ke ĝiaj loko kaj dato ŝanĝiĝis. Estis konsilinde ŝanĝi la daton, ĉar ĝi koincidis kun la Azia Kongreso en Israelo. Kaj la loko ŝanĝiĝis, ĉar troveblis en Bogor kongresejo kun pli bonaj kondiĉoj, bedaŭrinde ne kun tiu historia fono kiel la Muzeo de la Konferenco Azio-Afriko, sed certe plaĉa!

Vidu pri la kongreso: https://sites.google.com/site/iek2013bogor/
Vidu pri la movado:
https://sites.google.com/site/esperantoenindonezio/
Vidu la plej freŝa bulteno:
https://sites.google.com/site/esperantoenindonezio/bulteno.

Heidi Goes <heidi.en.esperantujo@gmail.com>

## Indonezianoj en la Universala Kongreso

La ĉi-jaran Universalan Kongreson de Esperanto partoprenis 13 geindonezianoj – la plej granda indonezia delegacio al UK iam ajn! Dek unu el ili estas unuafojaj partoprenantoj. Do indas iom raporti pri tio kion ili faris, kvankam kompreneble ne eblas rakonti ĉion... La 26an de julio ĉiuj indoneziaj partoprenantoj, kaj aldone Wim Posthuma (el Svedio) kaj Heidi Goes (el Belgio) alvenis en la flughavenon de Kuala Lumpur (Malajzio) por atendi la flugon al Hanojo, Vjetnamio, kiu estis planita por la sekva frumateno.Tamen la longa nokto ne sentiĝis tro, ĉar ĉirkaŭ je la 2a nokte ni festis la

125an datrevenon de Esperanto. Ni legis poemojn, rakontis pri niaj spertoj kun Esperanto kaj komence kaj fine de la festo ankaŭ kantis La Espero. Pro tio ke ni portis ĉiuj la saman verdan t-ĉemizon kaj ankaŭ pro la kantado, homoj atentis nin kaj kelkaj eĉ petis informojn poste. La informiloj indonezilingvaj utilis ankaŭ ĉi tie, ĉar la malajzia kaj indonezia lingvoj similas.

La UK komenciĝis kiel kutime en sabato kaj interalie okazis 'Movada Foiro'. Dum ĉi tiu duhora programero, la kongresanoj povis akiri multajn informojn pri la tutmonda Esperanto-movado, ĉar multaj landaj asocioj kaj aliaj organizaĵoj havas sian budon ĉi tie. La indonezia budo estis maldekstre de la enirpordo. Indoneziaj geesperantistoj alterne deĵoris ĉe la budo. Tie ni montris la tri numerojn de nia relative juna bulteno Esperanto en Indonezio kaj donis al la vizitantoj informojn pri nia unua kongreso okazonta venontjare (antaŭvidita en Bandung, sed nun en Bogor).

Ĉar preskaŭ ĉiuj ni estas komencantoj kaj progresantoj, ni interesiĝis pri la 'Paroligaj Lecionoj' gvidataj de Katalin Kováts kaj ŝia edzo Sylvain Lelarge por komencantoj kaj mezniveluloj. Ĉiu nivelo estis dividita en 4 sesiojn. En la porkomencantaj klasoj, oni lernas pri bazaj konceptoj, kiel la alfabeto, ciferoj kaj aĵoj ĉirkaŭ ni. En la meznivela klaso, partoprenantoj lernas novajn esprimojn per poezio kaj ludoj. Unu el la temoj estas verki amleteron. Partoprenantoj devas priskribi la vizaĝon aŭ membrojn de amato, kaj fari komparojn kun la naturo aŭ objektoj ĉirkaŭe, uzante la adverbon 'kiel'. Tri indoneziaj kongresanoj partoprenis la KER-ekzamenojn.

Iyan Septiyana interesiĝis pri la kongresa temo kaj tie bone partoprenis, kvankam por komencinto ne facilis partopreni tiajn diskutojn. Iyan same kuraĝe ankaŭ rakontis pri la indonezia movado en la kunvenoj de Landa Agado kaj de Azia Agado. En la 'Oratora Konkurso' partoprenis Endang Sabrina el la urbo Batam. Partoprenis sep kandidatoj el diversaj landoj: Vjetnamio, Brazilo, Burundo, Italio, Koreio kaj Indonezio. Kvankam ŝi ne povis gajni, ŝi tre ĝojis, ĉar almenaŭ ŝi havis la kuraĝon partopreni. En la

‘Internacia Arta Vespero’, ni el Indonezio dancis tradician popolan dancon Badinding. Ĉiuj spektantoj tre ŝategis ĝin. Fakte, post kiam la danco finiĝis, ili longe aplaŭdis nin. Kaj poste, multaj homoj alterne fotiĝis kun ni.

Post la UK ses el la 13 indonezianoj partoprenis ankaŭ la Internacian Junularan Kongreson. Ankaŭ tie ili ĉeestis lecionojn (de Tatjana Loskutova el Rusio), kaj Iyan refoje rakontis pri la indonezia movado en kunsido pri la azia agado.

Por doni la eblon al la kongresintoj esprimi siajn opiniojn pri la kongreso, granda parto de la sekva bulteno Esperanto en Indonezio estas dediĉita al la ĉi-jara UK. La bulteno estos legebla en https://sites.google.com/site/esperantoenindonezio/bulteno.

Ni profitas la okazon por danki ĉiujn kiuj iel faris tiun partoprenon ebla. Ĝi multe helpos al la movado en Indonezio.

Teksto kunmetita de Haris kaj Heidi el artikoloj verkitaj por Esperanto en Indonezio de Ilia, Sabrina, Ade, Sesti, Eko, Iyan, kaj Haris. Heidi Goes

https://sites.google.com/site/esperantoenindonezio/kalendaro

## Japanio

### La 99a Japana Esperanto-Kongreso en Sapporo

De la 6-a ĝis la 9-a de oktobro 2012, okazis la 99-a Japana Esperanto-Kongreso en Urbo Sapporo, la ĉefurbo de Gubernio Hokkajdo. Al ĝi aliĝis 360 personoj, dum el ili, 202 efektive vizitis tiun la kongreson. Inter la aliĝintoj estis 26 el aliaj landoj, el kiuj 19 vizitis la kongreson. La Kongreso havis la temon, “Ni interparolu pri verda naturo en verda lingvo!”, kie la verda lingvo evidente estas Esperanto, dum la “verda naturo” simbolas kaj la naturplenan regionon Hokkajdo, kaj la klopodon gardi tiun verdecan naturmedion.

La kongreso estis kunorganizita de Japana Esperanto-Instituto, Hokkajda Esperanto-Ligo kaj de Sapporo-Esperanto-Societo, kaj

aŭspiciita de 21 instancoj publikaj aŭ amaskomunikilaj. La kongresejo situis en ĉambroj en la konstruaĵo nomata Kaderu 2.7, proksima al la Gubernia Oficejo de Hokkajdo.

La kongresa giĉeto malfermiĝis posttagmeze de la 6-a (sabate), kaj en tiu tago estis Ekzameno de JEI, enkonduka kurso kaj kelkaj fakkunsidoj, kaj de la 17-a horo ĝis la 18-a kaj duono estis "Amika Vespero", kun kantoj, dancoj kaj interamikiĝaj ludoj.

La Inaŭguro okazis matene de la 7-a (dimanĉe), en kiu i.a. salutis la gastoj invititaj al la Kongreso; el Koreio s-ino LEE Nam-hen (alinome, Feliĉa), el Vjetnamio s-ino LE Minh Thu (alinome, Helenjo) kaj el Mongolio s-ro DESHIGSUREN Ganbaatar. Krome salutis s-ro CHO Chaoming (alinome, Abengo) el Tajvano. Poste oni rigardis tradician dancon de ainoj, la praloĝanta gento en Hokkajdo. Tiu "aino" estis unu el la temoj provizitaj de la LKK, ke prelego pri aina lingvo okazis japane, kaj kurseto esperante. Estis prelegoj malfermitaj ankaŭ al la publiko, pri la naturo de Hokkajdo japane, kaj tiu pri la Fora Oriento de Rusio, kiu lasta okazis tamen pro subita neĉeesto de la prelegonto s-ro Sergey ANIKEEV, anstataŭlegita de japano. Estis multaj fakaj programeroj aŭ instruaj programeroj.

La kongresaj tagoj tiel pasis, kaj en la Fermo, la 8-an (lunde) posttagmeze, estis i.a. honorigo de la Premio Ossaka, la plej prestiĝa premio en japana esperantujo. Ĝin ricevis s-ro HOŜIDA Acuŝi, kiu mem estas la estro de LKK en Hokkajdo. Literaturaj premiadoj sekvis. La kongresa flago estis transdonita al la LKK de la 100-a Japana Esperanto-Kongreso en Tokio, dum la kongresloko de la 101-a en 2014 estis publikigita; nome ĝi okazos en Urbo Obama en Gubernio Hukui.

Poste, kvindeko da kongresanoj ekskursis al la varmfontejo Tooya.

La kongresanoj ricevis kiel kongresan memoraĵon, bildolibron *Reviviĝu, la arbaro de Erimo,* esperanten tradukita, nome libro pri naturprotektado en Hokkajdo, kaj krome lanĉita estis *Japana Esperanta-Terminaro pri Naturmediaj Problemoj* kun 2000

kapvortoj, kaj la reviziita lernolibro *Manpleno da Esperanta Gramatiko*.

SIBAYAMA Zyun'iti, redaktoro de *La Revuo Orienta*
sibazyun@nifty.co




Fermo de la kongreso. Oni kantis « La Tagiĝo », kiun japanoj kutimas kanti fine.

## La 53a Toohoku-Esperanto-Kongreso

La kongreso okazis en la 27a-28a de oktobro en la varmfontejo Akiu en la gubernio Mijagi kun la partopreno de 42 homoj kaj la morala partopreno de 55 homoj.

Post la malfermo okazis raportoj pri UK, IJK, ILEI-Konferenco kaj Japana Kongreso. Poste prelegis prof. Gotoo Hitoŝi pri « Joŝino Sakuzoo, pioniro de Esperanto ». Poste antaŭ la vespermanĝo s-ro Makino Micuo gvidis koruson por ke la partoprenantoj bone kantu la himnon "La Espero".

Post la vespermanĝo okazis "Amuza Vespero", en kiu Esperanto-klubo Jamagata prezentis scenon de fama *kabuka* programo "*Kanĵin-ĉoo*". Pli poste okazis paralele la ĝenerala kunsido de Toohoku-Ligo kaj "Paradizo".

La 28an, matene okazis “Deklama Konkurso”, en kiu 4 kandidatoj deklamis parteton de Zamenhofa parolado. S-ro Ŝooĵi Makoto akiris la unuan premion. Poste okazis simpozio temanta pri “Rememoro al d-ro Kobajaŝi Cukasa”, kiu naskiĝis en Aomori en Toohoku. Prof. Gotoo kaj s-ino Hagiŭara Jooko, edzino de d-ro Kobajaŝi, parolis pri lia vivo.

Posttagmeze okazis ekskurso (32 partoprenis) al la distrikto Juriage, kiu estis tute detruita de la cunamo en marto 2011 kaj kelkmil homoj perdis sian domon. Ni vizitis la mezlernejon Juriage, kiu sola staris meze de la tute detruita distrikto. Ni aŭskultis spertojn de la suferantoj kaj poste vizitis la najbaraĵon per buso.

La venonta kongreso okazos en Jamagata venontjare.

Tezuka Takaŝi t-teduka@mta.biglobe.ne.jp

## Ĉuugoku-Ŝikoku-Kongreso

La 10an kaj la 11an de novembro en la urbo Matuyama, 30 esperantistoj kunvenis por la 13a kongreso de la ligo de Ĉuugoku kaj Ŝikoku, kaj aparte 9 urbanoj tie eklernis Esperanton.

Dum en Tokio oni povas facile kunveni, en la provincoj dise kaj fore loĝas membroj de lokaj grupoj, kaj foje unu sola, foje 7- 10 membroj venas al sia gubernia kunsido. Do, 14 esperantistoj kaj 9 urbanoj, sume 23 el la urbo Matuyama, decidis sukceson de la evento dum nombro de kongresanoj el aliaj gubernioj malkreskas, proksimiĝas al nulo.

Jen, ni vidu, kiom el kiuj gubernioj? Okajama 4/ Hiroŝima 3/ Kagaŭa 3/ Tokuŝima 1/ Kooĉi 1, kaj gastoj el Kioto 3/ Nagasaki 1. Krome 16 simbolaj kongresanoj oferis monon. Kvante modesta estis la kongreso, sed kvalite altnivelaj estis la programeroj, interesaj al ni kaj al la 9 urbanoj, mi ĝojas kun espero al la 14a kongreso en la urbo Hiroŝima, 2013.

La afero nur sola komenciĝis antaŭ 125 jaroj, do, *Nanikuso* (Ba!)

Oŝioka Moritaka osioka@mua.biglobe.ne.jp

**Koreio**

## Festo, nome Memore al la 250-a kurso

La 3-an de novembro seulaj esperantistoj amasiĝis en Seula Junulara Gastejo por gratuli la feston nome Memore al la 250-a kurso de Seula Esperanto-Kulturcentro (SEK).

SEK komencis kursi Esperanton por civitanoj antaŭ 21 jaroj en la 1-a de septembro 1991. De tiam Esperanto-kurso daŭris senpaŭze ĉiumonate nome de SEK kaj tra 250-fojaj kursoj 1643 civitanoj lernis Esperanton sub la gvido de s-ro LEE Jungkee.

En tiu ĉi festo kolektiĝis ĉirkaŭ 120 esperantistoj, el kiuj troviĝis ne nur koreoj sed ankaŭ nekoreoj. La geedzoj Michel Fontaine el Francio kaj Neĝeta el Ĉinio, s-ino Margreet Peschier, s-ro Ramsey Cardwell el Usono, s-ro Michal Mocarski el Pollando kaj s-ro MATUMOTO Akira el Japanio gratulis la feston kaj oni ĝuis sufiĉe internacian etoson kun eksterlandaj gastoj.

La festo komenciĝis kun la simpozia temo « Kiel utiligi Esperanton? », kies simpozianoj estis s-ro Michel Fontaine kiel eksa lernejestro pri edukado, s-ro MATUMOTO Akira kiel Oomotano pri religio kaj s-ro PARK Yongseung (koreo) kiel entreprenisto pri komerca kampo. Ili serioze kaj sincere diskutis pri la temo nur en Esperanto kaj ili konkludis, ke Esperanto devas esti enkondukat/ota en ĉiuj kampoj.

Post la simpozio okazis ceremonio por gratuli la memorindan feston. LEE Jungkee kiel organizanto de la festo akcentis, ke por prosperigi Esperanto-movadon ni ĉiuj esperantistoj devas klopodi kreskigi novajn esperantistojn, se ne, nia movado stagnos kaj fine malaperos sur la terglobo, citante dirаĵon de Zamenhof (kiam centoj de kunbatalantaj amikoj premos al mi la manon kaj promesos al mi, ke ili neniam ĉesos laboradi por nia afero, tio ĉi estos por mi rekompenco tute sufiĉa). Dume SEK nove eldonis la kompletan libron kun korea versio nome, Fabeloj de la fratoj GRIMM memore al la festo, por kiu 22 koreaj esperantistoj engaĝiĝis. Kaj SEK donis

dankesprimilon al du s-inoj CHO Myongja kaj HWANG Jiyeon, kiuj brile kontribuis por Esperanto-movado kiel fervoraj esperantistoj.

Post 4 jaroj ni rekolektiĝos por festi Memore al la 300-a kurso de SEK-n en la 1-a de oktobro 2016 en la sama loko.

LEE Jungkee (esperanto@saluton.net)

## La 3a ILEI-Seminario en Orienta Azio

Dato kaj loko : 1/21-24 Sangĝu Meditejo (urbo Iksan, 200 kilometrojn nordoriente de Seulo

Temo: E-instruado en lernejo

Aliĝkosto : 70 eŭroj (3 noktoj, 9 manĝoj, ekskurso, seminaria kosto)

LEE Jungkee (esperanto@saluton.net)

## La 8-a Internacia Esperanto-Renkontiĝo de Meditado

'Esperantista Asocio de Ŭonbulismo' okazigos enhavriĉan renkontiĝon kun diversaj programeroj, en kiu oni povas praktiki meditadon, fari komunan ekskurson al vizitindaj lokoj, sperti korean kulturon, ekkoni pri Ŭonbulismo kaj tiel plu.

Post La 8-a Internacia Esperanto-Renkontiĝo de Meditado', sinsekve okazos la 3-a ISOA (ILEI-Seminario en Orienta Azio) en la sama loko de la 21-a ĝis la 24-a de januaro, 2013. Vi povos kapti du birdojn per unu ŝtono!

1. Dato: Januaro 2013, la 18-a (vendredo) ~ la 21-a (lundo).
2. Loko: Sang-ju Meditejo en Iksan, Koreio.
3. Enhavo: meditado, meditado-gimnastiko, koreaj kulturo kaj ludo, prelegoj, ekskurso, amuzaj ludoj, bankedo kaj tiel plu
4. Kotizo: 30 eŭroj aŭ 50 000 ŭonoj (programo, manĝado, loĝado, ekskurso, bankedo)
5. Aliĝlimdato: la 31-a de decembro 2012
6. Kontakto: LEE Jungkee (esperanto@saluton.net).

**Pakistano**

## Diversaj Novaĵoj

1. En majo aperis urdua traduko de artikolo de s-ro Henri Masson el Francio kun lia foto pri Internacia Tago de Laboristoj en ĉiu-taga ĵurnalo "Musawat", kiu aperas en Lahore.
2. Aperis urdua versio de 97a UK en Hanojo, Vjetnamio je http://www.uea.org/vikio/Kongresoj kaj rekte: http://www.linguistic-rights.org/dokumento/Rezolucio-de-la-97a-Universala-Kongreso-de-Esperanto-28-julio-04-augusto-2012-Hanojo-Vjetnamio.html
3. En oktobro aperis artikolo pri Internacia Tago de Blinduloj kaj Esperanto en la supre dirita Musawat.
4. Pakistanaj esperantistoj gratulas s-ron Hori Jasuo, redaktoro de Esperanto en Azio, pro tio, ke li estis elektita kiel Honora Membro (HM) de UEA.

Jawaid Eahsan saluton123@yahoo.com

## La Dua Sud-Azia Seminario

En Pakistano oni nun diskutas pri la organizo de la 2a SAS en Pakistano. Jen estas la rezulto de nia diskutado, ne decido :
Tempo : inter la 1a ĝis la 20a de marto-2014 por 3 aŭ 5 tagoj.
Loko : la urbo Lahore

Lahore estas historia kaj edukada urbo kaj ĝi estas la sola porda urbo por eksterlandanoj, kiuj vojaĝas aŭtobuse de Barato.
Kongresejo : iu universitato, Expo Centro, Alhamra Halo ktp.

Shabbir Ahmad Sial <pakesa_prezidanto@yahoo.com>

**Barato**

## Esperanta kurso en la Hinda Lingvo!

Ĉu vi volas lerni Esperanton pere de la Hinda lingvo? Jes, tio eblas nun. Mi tradukis la tekston. Bv. Disvastigi ĝin.
http://www.kurso.com.br/elshuto.php?eo

Siva: nagasiva27@yahoo.co.in

## Malajzio

### Helpu blindajn esperantistojn

En Malajzio la unua blinda esperantisto naskiĝis la 15an de oktobro. Tiu tago estas la Esperanta Blindula Tago.

S-ro TONG lernis Esperanton kelkajn horojn. Li bezonas rimedojn por lerni la internacian lingvon. Mi antaŭdankas al tiuj, kiuj helpos min kaj sendos al mi brajlajn Esperanto-librojn. Li povas legi ĉine, malaje kaj angle, tamen preferas ricevi ĉinajn tekstojn, ĉar tiu lingvo estas lia gepatra lingvo.

### Diversaj agadoj post silentaj jaroj

En la suna lando, Malajzio, la Internacia Lingvo, kiu ankaŭ nomiĝas Esperanto, revivas denove post multaj silentaj jaroj. Ni organizis subajn agadojn:

La San-Min-Esperanto-Klubo (SMEK) emisiigis belajn poŝtmarkojn por festi naskiĝon de Esperanto antaŭ 125 jaroj por finance subteni sin, ĉar la registaro ne helpas ĝin. La mezlernejo San-Min estas sendependa lernejo, kiu uzas gepatran lingvon en instruado. Ĝi emisiigis tiujn poŝtmarkojn.

SMEK invitis esperantistinon, s-inon Heidi Goes al la ceremonio de la 24a de aŭgusto, 2012 en la halo de San-Min en Teluk-Intan-o.

Malajzia Esperanto-Stud-Grupo (MESG) presigis 3,000 poŝtkartojn por festi 125 jarojn de Esperanto. Ĝi donacis 100 poŝtkartojn al Vjetnama Esperanto-Asocio kaj 100 poŝtkartojn al la junulara sekcio de VEA, ĉar ili estis la organizantoj de la 97a UK kaj la 68a IJK.

La poŝtkarto de MESG havas la signon de Esperanto-skolto. MESG opinias, ke Esperanto-movado devas labori kun Skolto-Esperanto-Ligo (SEL) por disvastigi Esperanton en la mondo. La ĉefrolanto de MESG, s-ro ENG, deziras, ke ankaŭ en UK kaj aliaj esperantaj kongresoj okazu skolta kunsido.

Sinjoro ENG" <saluton2010@gmail.com>


安顺三民独中
世界语学会
邮票推介礼
24-07-2012
Kun s-ino Heidi Goes


Malaysia
ESPERANTO
125
1887-2012
65sen
Kraftangan / Handicraft
Kelab Esperanto
Sekolah Menengah San Min (Suwa
Teluk Intan, Perak, Malaysia.
Wau Bulan
35sen
Bunga Raya
Durian


ESPERANTO
125
1887-2012
Esperanto Scouts 世界语童子军
http://ttt.esperanto.org/skolta/
Malaysia Esperanto Studies Group 马来西亚世界语研究小组
http://mesg2010.blogspot.com
Free Esperanto learning sites 免费世界语学习站
http://www.lernu.net

## Vjetnamio

## Nova Esperanto-kurso en Hochiminh-urbo

La inaŭguro de nova Esperanto-kurso por komencantoj okazis ĝuste je la 11-a de oktobro 2012 ĉe la Unio de amikecaj organizoj de Hochiminh-urbo. Alvenis tien preskaŭ plenkreskuloj-komercistoj de diversaj entreprenoj aŭdinte eĥon de la publika informo pri la 97-a Universala Kongreso de Esperanto en Hanojo.

La estraro de Hochiminh-a Esperanto-Asocio ankaŭ partoprenis en la entuziasma evento kun siaj membroj. Post mallonga prezentado pri la historio de Esperanto per s-ro Tran Quan Ngoc, prezidanto de Hochiminh-a Esperanto-Asocio, novaj lernantoj provis alfabetumi 28 literojn de Esperanto.

Kiel gvidantino de la Esperanto-kurso mi estas tre ĝoja pro ilia bela prononcado.

Le Thien Thu <lethienthu_esper@hotmail.com>

## Ĉinio

## Simpozio celebre de la 125-a datreveno de Esperanto en Ŝanhajo

Posttagmeze de la 28-a de oktobro Ŝanhaja Esperanto-Asocio okazigis simpozion por la celebro de la 125-a datrveno de la naskiĝo de Esperanto en la nova Pudong-distrikto. En ĝi ĉeestis asocianoj kaj iranaj esperantistoj, kiuj estas en Ŝanhajo. La prezidanto Wang Minhao, vicprezidanto kaj samtempe ĝenerala sekretario Zhou Tianhao profunde pritraktis la temon pri la inspiro de la 125-a datreveno de la naskiĝo de Esperanto kombine de la publikigo de la unua libro. La veterana esperantisto Lin Leming, la irana esperantisto Sayide, juna esperantisto Zhang Han, la maljuna esperantisto Li Siyuan, la kreinto de la Esperanto-salono sub la Asocio Chai Benrong, la esperantistino Zhang Miaojuan, la

eksvicprezidanto Cui Zhijin kaj aliaj respektive faradis paroladon kun la temo <Korligi Esperanton>, <Nia donaco al Esperanto kaj tiu de Esperanto al ni>, <Ni prenu sur nin la respondecon, kaptu la okazon, daŭrigu la aferon de la antaŭuloj kaj trabatu la vojon al la estonteco>, <Urĝe savu kulturon>, <Ni propagandu kaj disvastigu Esperanton kiel nian devon>, <La impreso pri la landa Esperanto-Kongreso de Usono>, <Esperanto uzata en la medicina sfero> kaj aliaj.

En la simpozio ĉiuj ĉeestantoj atingis la komunan scion: Kulturi junajn geesperantistojn estas la grava respondeco.

Sheng Xiaoxi kaj Ji Yingeng <jiyingeng@yahoo.com.cn>

## Augusto Casquero Instruas Esperanton en Kantono

Nia estimata amiko s-ro Augusto Casquero el Hispanio revenis al Kantono la 21-an de septembro. Li venas al Ĉinio du fojojn jare, en printempo kaj aŭtuno. Ĉiufoje li restas en Ĉinio 3 monatojn kaj instruas Esperanton ĉiu-sabate senpage. Ĉi-jare li venas al Ĉinio por la kvina fojo.

Tuj kiam li atingis Kantonon, li komencis instrui Esperanton en la oficejo de Esperanto-Asocio de Guangdong-provinco. 15 lernantoj ĉeestis la unuan lecionon kaj multaj el ili daŭrigos la lernadon. S-ro Petro YE, vicprezidanto de Esperanto-Asocio de Guangdong-Provinco, reprezentante la esperantistojn de Guangdong-Provinco, donacis lunkukojn (por la Ĉina Aŭtunmeza Festo) al Augusto por esprimi nian respekton kaj dankon al li.

(Raportita de Petro Ye, 10-an de oktobro, 2012)

## Prelego en Pekino vekis intereson pri Esperanto

Matene de la 8a de septembro en Zhongguancun-librovendejo, Pekino, la Pekina Esperanto-Asocio aranĝis la prelegon "Esperanto - pasporto al la mondo", kaj ĝin faris s-ro Long Zhang, konsiliano

de la Ĉina Oracle-kompanio Limigita. Preskaŭ 30 personoj aŭskultis la prelegon.

Li prezentis la historion de la internacia lingvo. Per abundo da fotoj kaj vidbendaĵoj li konigis la gravecon de Esperanto en la internaciaj interŝanĝoj kaj la apartan rolon de Esperanto en la komunikado inter diversaj popoloj. Li ankaŭ dividis kun la aŭskultantoj siajn proprajn spertojn el sia amikiĝo kun fremdlandaj samideanoj kaj turismado per Esperanto. La prelego forte interesis la aŭskultantojn. Post la prelego multaj demandis pri kurso de Esperanto.

La aŭskultantoj estas bone edukitaj, kaj inter ili estas doktoroj studintaj en fremdaj landoj, altrangaj administrantoj de entreprenoj pri informa tekniko aŭ financo. Estas bona fenomeno, ke Esperanto kaj ĝia kulturo povas altiri intereson de altranguloj. Ni povas antaŭvidi, ke sub la fono de kultura diverseco, Esperanto tiros pli da eminentuloj.

## Fakultativaj E-kursoj en Interna Mongolio

Ekde la 10a de septembro 2012 en la iranta semestro, iras du E-fakultativaj kursoj kun 32 lernohoroj kaj du studpoentoj en la Scienc-Teknika Universitato de Interna Mongolio. 267 studentoj lernas nian lingvon en la du kursoj. La universitato decidis funkciigi kvar E-fakultativajn kursojn. Post du monatoj ekiros la aliaj du kursoj kaj 280 studentoj lernos en la kursoj. Ges-roj Liu Baoguo, Chen Ping kaj Ma Jianming gvidas la menciitajn kursojn.

Post peniga varbado, E-Asocio de la universitato varbis pli ol 80 novajn membrojn. Ekde la venonta sabato komenciĝos memvola E-kurso. S-ro Liu Baoguo gvidos la kurson.

## Startis E-kurso en la Zaozhuang-a Universitato

Lastatempe startis E-kurso de la studjaro 2012-2013 en la

Zaozhuang-a Universitato. Ĝin okazigis la Zaozhuang-a Universitato de Ĉinio kiel nedeviga leciono kun 34 lecionhoroj kaj 2 lernopoentoj. La E-kurson gvidas s-ro Semio (Sun Mingxiao), iniciatinto de la Internacia E-Muzeo en la universitato. S-ro Sasaki Teruhiro, prezidanto de KAEM, f-ino Moon Hyun-joo, korea esperantistino, f-ino Alinka el Nepalo, kiuj studas la ĉinan lingvon en la universitato, partoprenis en la inaŭguro de la kurso, ili per siaj propraj spertoj montras al la studentoj, ke Esperanto estas internacia, utila kaj amikeca.

La Zaozhuang-a Universitato preparas la Internacian E-Muzeon. Antaŭ pli ol 10 tagoj profesoro Hu Xiaolin, direktoro de la universitato, anoncis, ke la universitato prenas instruadon de Esperanto kiel unu el siaj gravaj laboroj.

## Esperanto-kurso en la Zaozhuang-a Profesia Instituto

La 18-an de septembro 2012, nova E-kurso kun 70 studentoj okazis en la Zaozhuang-a Profesia Instituto. La kurson gvidas s-ro Azia Paco (Zhao Yaping), ĝenerala sekretario de la Zaozhuang-a E-Asocio.

S-ro Semio, vicprezidanto de la Shandong-a E-Asocio, kaj du aliaj esperantistoj el la Zaozhuang-a Universitato ĉeestis en la unua leciono kaj konigis Esperanton al la kursanoj. La Studenta E-Societo de la Zaozhuang-a Profesia Instituto multe kontribuis en la fondado de la kurso.

## Ĝemeliĝo de la Zaozhuang-a Universitato de Ĉinio kaj la Korea Universitato de Fremdaj Studoj pere de Esperanto

La 7-an de junio la Zaozhuang-a Universitato de Ĉinio ricevis la komfirmilon de la Korea Universitato de Fremdaj Studoj por subskribi la interkonsenton por ĝemeliĝo pere de esperantistoj, kiuj

laboras en la du menciitaj universitatoj.

En la jaro 2005 s-ro Lee Young-koo, tiama prezidanto de la Korea Esperanto-Asocio kaj profesoro de la Korea Universitato de Fremdaj Studoj, faris viziton al la Zaozhuang-a Universitato laŭ la invito de s-ro Sun Mingxiao, vicprezidanto de la Zaozhuang-a Esperanto-Asocio. Dum la vizito ili diskutis pri kunlaboro de la du universitatoj. Post tio s-ro Sun Mingxiao dufoje vizitis la Korean Universitaton de Fremdaj Studoj. La du flankoj estas kontentaj por la reciprokaj vizitoj. Ĉi-jare ili donis oficialajn proponojn por ĝemeliĝo de la du universitatoj. En marto de la kuranta jaro, fraŭlino Woo estis sendita de la Korea Universitato de Fremdaj Studoj al la Zaozhuang-a Universitato por lerni la ĉinan lingvon kaj Esperanton, kaj samtempe instrui la korean lingvon en la universitato. Al sia universitato fraŭlino Woo multfoje faris raporton pri situacio de la Zaozhuang-a Universitato, kaj pri siaj kontento kaj plezuro en la universitato.

En la estonteco, la du universitatoj kunlaboros per interŝanĝo de instruistoj kaj studentoj, kaj per reciprokado de edukaj informoj kun la komuna celo: disvastigi Esperanton inter siaj instruistoj kaj studentoj.

## Unuafoje ĉina esperantisto partoprenis al la filmo-farado

La 31-an de majo, filmo nomata "Venas Al Vi" estis projekciita en Fujian-provinco, Ĉinio. La filmo estas investita de esperantisto.

Deng Xiaozhong, vic-estro de Xiamen-a Esperanto-Asocio kaj direktoro de la Ĉina Komerca Limigita Kompanio en Xiamen, estas unu el la investantoj. Li diris, ke Esperanto devas sin akordi al la komerco por kiel eble plej forte ekspluati sian latentan valoron. La kunigo de Esperanto kaj komerco prosperigos la nacian kulturan komercon kaj interesos pli da lernantoj de Esperanto.

## Venis al EPĈ kaj ĈEL esperantistaj geknaboj

La 6-an de junio venis al la redakcio de El Popola Ĉinio kaj la Ĉina Esperanto-Ligo esperantaj lernantoj de la dualernojaro de la elementa lernejo Yongtai en Pekino, Ĉinio. Kune venis sinjoro Li Weilun, eksa prezidanto de la Pekina Esperanto-Asocio kaj profesoro de la Pekina Lingvistika Universitato, kaj sinjorino Yang Hongyan, kiu respondecas pri la instruado de Esperanto al 8 klasoj de la lernejo.

Marte de 2011 la Elementa Lernejo Yongtai en Pekino malfermis E-kurson, kiun gvidis s-ro Li Weilun. Siatempe la instruistoj en la sama klaso lernis la lingvon kun la geknaboj kaj post dujara lernado ili kapablas doni lecionojn. Helpate de s-ro Li Weilun la E-kurso de la lernejo starigis ĝemelajn rilatojn kun la elementa lernejo Giacomo Leopardi de Italio. Estas kredeble, ke korespondaj kaj amikecaj rilatoj kun alilandaj elementaj lernejoj povas helpi al tiuj geknaboj uzi la lingvon kaj trovi amikojn.

## Esperanto-*sumoo*

## Sukcese finiĝis la 19a Internacia *Sumoo*

*Sumoo* estas japana tradicia lukto-arto, kies konkurso okazas dum 15 tagoj, jare ses fojojn. Paralele kun la vera *sumoo*-konkurso, s-ro HORI Jasuo organizas Esperanto-*sumoo*-on, en kiu partoprenantoj promesas al si, kiun libron kaj kiom da paĝoj ili legu por unu tago, kaj kiam ili plenumas tiun promeson en tiu tago, ili akiras unu venkon. Tiamaniere ili "luktadas" dum 15 tagoj, ne kontraŭ aliaj luktistoj, sed kontraŭ si mem.

La 19a internacia *sumoo* okazis ekde la 11a ĝis la 25a kun la partopreno de pli ol 100 homoj el 20 landoj. Dum la 15 tagoj ili legis entute pli ol 10 mil paĝoj. Tiu *sumoo* kontribuas al altigo de esperantista nivelo, stimulante legadon kaj vendadon de libroj.

En la venonta *sumoo* okazos inter la 13a kaj la 27a de januaro 2013. Turnu vin al s-ro Hori hori-zonto@water.sannet.ne.jp.

# Kara Rememoro de la Azia Karavano

Gafur Sobirmirzo <gafur_mirzo56@mail.ru>

Kiam okazis la 79a UK en Seulo, Koreio, en 1994,
KAEM organizis « Azian Karavanon ».
Pri tiu memorinda karavano venis letero
de s-ro Gafur Sobirmirzo, unu el la partoprenantoj.

Pasis jam 18 jaroj. Kaj mi decidis skribi ĉi-tiun artikolon por memori kaj trovi miajn malnovajn, tiutempajn karajn Esperanto-amikojn. Mi unue pardonpetas de ĉiuj tiamaj miaj amikoj pro mia longa silentado en Esperantujo. Kion fari? Tiel okazis. Pro kelkaj kaŭzoj mi tute ne povis okupiĝi pri nia ŝatata lingvo. Jen, finfine mi komencis ĉion denove kaj ĉi-foje por ĉiam.

… Mi rememoru ĉion de la komenco. Mi ĉe la komenco de la 90-aj jaroj de la pasinta jarcento eniris Esperanto-mondon. Mi eklernis ĝin kaj tuj partoprenis kelkajn E-konkursojn kaj eĉ gajnis dufoje la premiojn laŭ la kantado. Partoprenis multajn Internaciajn aranĝojn – UK-ojn, festivalojn, renkontiĝojn k.t.p. Inter ili por mi tre memorinda estas UK en Seulo kaj mia partopreno en Azia Karavano, kiun organizis KAEM. Unue, mi refoje elkore dankas je nomo de ĉiuj miaj karavanaj amikoj (siatempe mi jam skribis pri nia vojaĝo en ĉi-tiu revuo) al ĉiuj KEAM-anoj pro ĝia altnivela organizado.

Mi silentinte longe en Esperantujo perdis multon. Mi ne povis partopreni ĉiujn lastjarajn aziajn Esperanto-aranĝojn. Se mi partoprenus, mi havus eblecon por renkontiĝi kun ĉiuj miaj malnovaj kaj samtempe kun novaj amikoj. Mi ĝis nun kun granda plezuro memoras ĉiujn belegajn urbojn kaj provincojn de belegaj landoj tiel nomataj Koreio kaj Japanio. Elkore mi refoje sincere dankas ĉiujn amikojn, kiuj ĉiam elkore helpis kaj prizorgadis nin – la karavananojn, precipe s-ron So Gilsu. Li ĉiam senlace kontrolis nian vojaĝon ĝis la urbo Pusan kaj ĉiutempe li trovis tempon por helpi al ni ĉiuj por solvi iujn ajn problemojn. Mi kaj miaj aliaj

kunvojaĝantoj neniam forgesos ĉiujn koreajn kaj japanajn geamikojn, kiuj nin ĉiujn akceptis kaj gastigis elkore. Mi nun ne povas indiki laŭ la nomo ĉiujn geamikojn el tiuj du fabelaj landoj, ĉar ne sufiĉus la paperoj por efektivigi tion.

Jes, ni tiam havis grandan eblecon por trovi tiom da multaj Esperanto-geamikoj el ĉiuj regionoj de tiuj ambaŭ landoj, tra kiuj ni karavananoj plezure vojaĝis, ĝuis, miris, revis k.t.p.

Uzante ĉi-tiun eblecon mi samtempe volas sendi miajn elkorajn salutojn al miaj ĉiuj amikoj de Azia Karavano. Inter ili estis:

s-ro Mukunda Raj Pathik, Nepalo;
s-ro Chan-Ly Ngo, Vjetnamio; s-ro S.S. Pradhan, Barato;
s-ro Chhim Sokha, Kamboĝo; s-ro Cx. Dogsuren, Mongolio;
s-ro Yu Deguan, Ĉinio; s-ro Liu Xiapjun, Ĉinio;
s-ro Hamzeh Shafiee, Irano; kaj mi mem.

Ni ĉiuj vojaĝis kune kiel unufamilianoj preskaŭ tra ĉiuj urboj de Koreio (ekde Seulo ĝis Pusan). Interkonatiĝis kun ĉiuj esperantistoj de tiuj lokoj. Ĉiuj gastigintoj ege afable akceptis nin. Post la vojaĝo en Koreio nur kvar esperantistoj atingis Japanion. Bedaŭrinde pro la enirvizaj problemoj ceteraj ne povis viziti tiun vizitindan, fabelan landon. Mi kun s-ro Cx. Dogsuren vojaĝis kune kaj laŭ la alia direkto vojaĝis s-ro Mukunda kun s-ro Chhim Sokha.

Mi antaŭ nelonge eksciis pri la forpaco de s-ro Dogsuren kaj mi tuj sendis mian kondolencleteron al miaj mongolaj amikoj kaj al ĉiuj liaj proksimuloj.

Ankaŭ niaj japanaj gesamideanoj akceptis nin bonege. Jes, mi neniam forgesos kaj ne rajtas forgesi tiujn belajn, agrablajn tagojn kaj noktojn, kiujn ni kune pasigis en la verdaj rondoj. Mi ĉiam elkore sopirante memoras ĉion. Mi nur deziras al la organizintoj de tiu bela karavano fortan sanon, feliĉon kaj pluajn sukcesojn. La samojn mi nepre deziras ankaŭ al miaj samkaravanaj amikoj. Kie vi estas, kion faras kaj kiel vi fartas ĉiuj miaj karaj? Ni nepre devas kune agadi por pli fortigi, vigligi kaj levigi al la alta nivelo nian favoran movadon en niaj apartaj regionoj kaj en nia komuna ujo.

## Nekrologo

## S-ro LI Shijun (Laŭlum) forpasis en Beijing, la 10-an de novembro

Li Shijun (plumnomo: Laŭlum) naskiĝis en 1923, lernis Esperanton en 1939, laboris kiel instruisto de la lingvoj ĉina, angla kaj Esperanto en mezaj kaj superaj lernejoj, ĵurnalisto, tradukisto, vicĉefredaktoro de *El Popola Ĉinio, La Mondo* kaj la Ĉina Esperanto-Eldonejo, estro de Ĉina Esperanto-Instituto, membro de la Akademio de Esperanto (1983-2012), honora membro de UEA, honora prezidanto de la Pekina Esperanto-Asocio kaj honora komitatano de la Ĉina Esperanto-Ligo.

La ĉefaj verkoj esperantigitaj de li: *Aŝma* (epopeo), *Ŭang Guj kaj Li Ŝjangŝjang* (rakonto en versoj), *Aŭtuno en la Printempo* kaj *Frosta nokto* (romanoj de Ba Jin), *Qu Yuan* (dramo de Guo Moruo), *Ĉe Akvorando* (ĉina klasika romano), *Romano pri la Tri Regnoj* (ĉina klasika romano), *Pilgrimo al la Okcidento* (ĉina klasika romano), *Mirrakontoj de Liaozhai* (klasika novelaro de Pu Songling), *Noktomezo* (romano, ĉefverko de Mao Dun), *Kvar Generacioj sub la Sama Tegmento* (romano de Lao She) kaj centojn da poemoj, noveloj, fabloj, eseoj kaj recenzoj, kiuj aperis en gazetoj en- kaj eksterlandaj.

Li gvidis diversajn Esperantajn kursojn por komencantoj aŭ instruistoj kaj verkis aŭ kompilis diversajn lernolibrojn de Esperanto. Ekzemple: *Lernolibro de Esperanto* (1949), *Nova Vortaro Esperanto-Ĉina* (kune kun aliaj 1959), *Esperanta Konversacio* (1964), *Unua Ŝtupo de Esperanto* (1983), *Esperanto-Kurso por Memlernado* (1984), *Nova Kurso de Esperanto* (1986), *Esperanta Antologio* (kune kun aliaj, 1988), *Esperanto-Ĉina Vortaro* (kune kun aliaj, 1990), *222 Simplaj Versaĵoj por Komencantoj* (1994), *Pri la Traduka Arto de Esperanto* (kurso 1997), *100 Jaroj de Esperanto en Ĉinio* (kune kun aliaj, 1999), *250 Rakontoj pri Afanti* (en versoj), parte aperis en *El Popola Ĉinio kaj Penseo*, poemoj, noveloj, dramoj, eseoj kaj

recenzoj, kiuj aperis en diversaj gazetoj. Li kompilis *Gvidlibron de Esperanta Konversacio* (2001), *Esperantan Vortareton por Lernantoj* (parte aperintan en *La Movado*, 2002-2003) ilustritan per preskaŭ 4000 versaĵoj por helpi lernantojn, kaj *Lernolibrojn pri la traduka arto kaj literaturo de Esperanto*. Pro siaj kontribuoj en kulturaj kaj literaturaj aktivadoj li ekde 1990 ĝuadas ŝtatan pension, gajnis en 2003 la unuan premion de Fondaĵo Grabowski de UEA, gajnis premion de la Ĉina Tradukista Ligo pro sia kontribuo al la traduka kulturo en 2010, gajnis premion de ĈEL en 2011 pro sia kontribuo al la Esperanto-movado kaj lia traduko *Ĉe Akvorando* gajnis la premion OSIEK en 2011.

# Paĝoj de KAEM

## Esperanto-eventoj ===

**2012**

**12.28 ~30 / La 31a Komuna Seminario inter orient-aziaj junularoj** / Tokio

**2013**

**1.18 ~ 23 La 8a Internacia Renkontiĝo de Meditado** / Iksan, Koreio
**1.21 ~ 24 La 3a ILEI-Seminario en Orienta Azio (ISOA)** / Iksan, Koreio
**2.26 ~3.11 La 10a Internacia Himalaja Renkontiĝo** / Katmando, Nepalo
**4. 5 ~ 8 La 1a Indonezia Esperanto-Kongreso** / Bogor, Indonezio
**4. 18 ~ 22 La 7a Azia Esperanto-Kongreso** / Jerusalem, Israelo
**5.18 ~ 19 La 62a Kantoo-Esperanto-Kongreso** / Gunma, Japanio
**5.25 ~ 26 La 61a Kansaja Esperanto-Kongreso** / Ŭakajama, Japanio
**7.12 ~18 La 46a ILEI-konferenco** /
Herzberg-Sieber (Herzberg am Harz), Germanio
**7.20 ~ 27 La 98a Universala Kongreso de Esperanto** / Rejkjaviko, Islando
**8.19 ~ 26 La 89a Internacia Junulara Kongreso** / Afikim, Israelo
**10.12 ~15 La 100a Japana Esperanto-Kongreso** / Tokio, Japanio
**10. 26 ~ 27 La 45a Korea Kongreso de Esperanto** / Inchon, Koreio
**10. 26 ~ 27? La 54a Toohoku-Esperanto-Kongreso** / Jamagata, Japanio

## KAEM-anoj

1. Koreio: S-ro PARK Yong-sung <esabpark@korea.com>
2. Vjetnamio: S-ro Hoang Ngoc Boi
   <amarateo@gmail.com> <boihn.gm@vietsov.com.vn>
3. Ĉinio: s-ro WANG Ruixiang <wrxzj@tom.com>
4. Barato: s-ro Ranganayakulu <ranganayakulu@gmail.com>
5. Japanio: s-ro SASAKI Teruhiro <steruhiro@hotmail.co.jp>
   (Prezidanto)
6. Pakistano: S-ro Muhammad Zubair <zurnab_pk@yahoo.co.in>
7. Irano: s-ro Reza TORABI <torabireza@gmail.com>
8. Nepalo: S-ro Mukunda Raj Pathik <mpathik@gmail.com>
9. Taĝikio: S-ro Fajzullaev Ĝamŝid <fajzullaev@yandex.ru>
10. Israelo: s-ino Esther SEBBAN <esti33333@hotmail.com>
11. Mongolio : S-ro Chimedtseren Enkhee <enchjo@yahoo.com>

**Honoraj prezidantoj** (eksaj prezidantoj)**:**
Puramo CHONG (Koreio, 1998-2000)
HORI Jasuo (Japanio, 2001-2008)
LEE Jungkee (Koreio, 2008-2010)

**Kunlaborantoj de KAEM**
Japanio: s-ro HORI Jasuo (redaktado de “Esperanto en Azio”)
s-ino TAHIRA Masako (provlegado)
s-ro IŜINO Joŝio (presado kaj ekspedo)

---


## Esperanto en Azio

Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
telefono: +81-3-3203-4581 fakso:+81-3-3203-4582
retpoŝto: <esperanto@jei.or.jp>
TTT-ejo de KAEM: <http://www.kaem.org/>
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0825 Gunma-ken Maebaŝi-ŝi Ootone-maĉi 2-13-3